# Aŭstria Esperantisto

Oficiala organo de Aŭstruja Esperanto-Delegitaro (A. E. D.), Esperanto-Delegitaro de Wien (E. D. W.), Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista (T. E. L. F.), Universala Esperantista Pacifista Ligo (U. E. P. L.) kaj Esperanto-Organizo de la Postenhavantoj de Urbo Wien (E. O. P. W.)

**1a Jaro. No. 4** **Monata** **Novembro 1924**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg apud Wien, Hovengasse 12, II, 13

**Kunlaborantoj!** Skribu legeble, retenu kopion, aktualaĵojn sendu ĝis la 1a de l'monato Manuskriptoj ne resendataj.

Jarabono: Por Aŭstrianoj kaj Germanoj 30.000 aŭ. K, Alilandanoj 3.50 svis. fr.


---

## Esperanto oficiale rekonata de la Ligo de Nacioj.

La kvina ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj akceptis la 20. septembro la jenan rezolucion unuanime:

La ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj rekomendas, ke la ŝtatoj, membroj de la Ligo, konsentu al **Esperanto** la traktadon kaj tarifojn de lingvo „klara" en telegrafaj kaj radio-telegrafaj interrilatoj, **kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj interkomunikoj flanke de la naciaj lingvoj uzataj,** kaj atentigas je tiu celo la organizon pri komunikado kaj transito.

---

### Samideanoj!

La sube nomita komitato komunikas, ke 462 postenhavantoj ĉirangaj de komunumo Wien sin organizis por krei peresperantajn rilatojn inter la oficistoj k. t. p. de la diversaj urboj kaj eluzi ilin por publikaj interesoj. Pro la graveco de tia agado bonvolu diskonigi nian celadon kaj resti en kontakto kun ni per nia oficiala organo „Aŭstria Esperantisto", per „Esperanto" (Genève) kaj „Esperanto Triumfonta" (Horrem bei Köln, Germ.). Varbu, precipe la estimindaj U. E. A.-delegitoj, kaj laboru kun ni!

Por „Esperanto-Organizo de la Postenhavantoj de Urbo Wien":

**Albrecht,** instr.
**Dr. Bednar,** sup. mag. kons.
**Benirschke,** instr-ino
**Bernfeld,** inĝ. dipl.
**Böhm,** sup. adm. komis.
**Dr. Domonkos,** univ. asist-ino
**Essberger,** sup. ofic.
**Feder,** burĝlern. dir.
**Follner,** instr.
**Frey,** sup. kalk. reviz.
**Glöggl,** sup. adm. komis.
**Gottwald,** urba dung.
**Dr. Gröll,** senata kons., jur. kons. de Esp.-Org. de la Postenhav. de Urbo Wien
**Grohmann,** f-ino, sup. of.
**Grohmann,** burĝlern. direkt.
**Dr. Hartl,** mag. kons. vidvino
**Harm,** f-ino, kanc. asist.
**Hellwich,** urba ofic-ino
**Hellwich,** studento
**Humbovsky,** f-ino, urba ofic.
**Jirka,** f-ino, instr.
**Kassal,** instr.
**Kloiber,** lernejestro
**Koschatko,** sup. kalk. reviz.
**Koschatko,** s-ino
**Leiner,** urba bindisto
**Mair,** burĝlern. instr.
**Müller,** adm. sekr.
**Rumler,** centr. insp.
**Schild,** sup. adm sekr., redaktoro de „Urba Postenhav."
**Satra,** urba tramvoj.
**Steidl,** urba vartistino
**Struska,** pop. lern. dir.
**Zakrzewska,** urba vartistino

# JUN-AŬSTRIANOJ EN TRAISKIRCHEN.

(Orig. artikolo por „A. E." de *Walter Smital,* Wien.)

La kliŝojn por la aldonitaj ilustraĵoj afable disponigis al ni „Deutscher Verlag für Jugend und Volk" (t. e. Germana eldonejo por junularo kaj popolo), Wien I, Burgring 9, kiu eldonas bonegajn edukilojn.

La lerneja reformo en Aŭstrio mirige progresis en la lastaj jaroj eĥigante ankaŭ alilandaron. La principo, ke la lernantoj estu edukataj ne per moralpredikoj, sed ke ili ekŝatu laboron, devojn, kamaradecon k. t. p. ekkomprenante iliajn valoron kaj neceson mem laborante, ĝojante pri atingitaj sukcesoj, tiu principo estas la kerno de la nuna sistemo. Kun iliaj fortoj kreskas laŭ la pliiĝantaj interesoj la problemoj prilaborotaj kaj kun la kontentigaj rezultoj la ĝojo pri propraj kapabloj, pri ties apliko, do ankaŭ la laboremo. Tiaj homoj certe estos ankaŭ komprenemaj por laboroj de aliaj.

La reformon de la instruplanoj por mezlernejoj kaŭzis ĉefe la fakto, ke pro la latina kaj greka lingvoj en gimnazioj, respektive franca kaj angla en reallernejoj oni jam por lernantoj nur dekjaraj devis decidi estontan karieron ne jam povante taksi iliajn emojn kaj kapablojn. Nun estas kreita nova tipo „Germana Mezlernejo", en kiu fremdlingvoj estas lernigataj elekteble depost la tria klaso. En la unuaj du estas des pli atente traktata la lingvo germana (6 horojn semajne.[1]) Tiu bazo ebligas prokraston de la profesielekto je du jaroj kaj ankaŭ poste pli facilan eventualan ŝanĝon de la kariero. Tiun lernejtipon ni trovas en la Liglanda Edukinstituto Traiskirchen (p. Trajskirĥen).

Ĉar tie 70 studantoj eklernis nun Esperanton, ni vizitu tiujn novajn samideanojn spirite en ilia hejmo.

Oriente de la mondkonata kuracloko Baden, 25 km sude de la aŭstria ĉefurbo Wien, ĝi situas en ebena regiono, nomata Steinfeld (t. e. Ŝtonkamparo), kie ĉio estas trovebla, kio karakterizas la diligentan popolon aŭstrian: grenkampoj, herbejoj, vinberejoj; ĥemiaj, maŝin- kaj gumfabrikoj, ferfandejoj, ŝpinejoj, brikfarejoj. Ne malproksime salutas la bluaj montoj de Wienerwald (tio estas Wien-a arbaro), tute proksime invitas diversaj lokoj al observado de akvoj, vegetaĵoj, bestvivado, de homaj loĝado, mastrumado, trafiko. Krome tiu pejzaĝo estas riĉa je historiaj dokumentoj pratempaj, romanaj k. t. p. Kio mankas en ĝi, tion prezentas la proksima urbego per siaj muzeoj, ekspozicioj, teatroj kaj aliaj studebligaĵoj.

Jam de malproksime estas videbla la impona ĉefkonstruaĵo. Ĉirkaŭe sin kaŝas en arbetaĵoj kaj malantaŭ arboj 25 malpli grandaj domoj. Al la instituto apartenas pli ol 170.000 kv. m. da teritorio. Antaŭe estis tie faklernejo por artilerioficiroj, do laŭ la karaktero kazernaro. Ho, se vi povus vidi, kiomo da loĝejproblemoj estiĝas el tiu fakto: solvotaj, -ataj kaj -itaj; kaj kiom ĝoje kaj lerte la junuloj laboras je la plikomfortigo de sia hejmo! Gvidate de siaj instruistoj, edukistoj, fakuloj ili mem kreas siajn loĝejojn, meblaron, ornamon de la unua ideo kaj skizo ĝis la lasta detalaĵo: ili desegnas, meditas, kalkulas, reskizas, kontrolas, masonas, pentras, trančas, gluas, purigas, plibeligas — kaj lernas tiel. La plej multaj ĉambroj estas ornamitaj per trankvilimpresaj murpentraĵoj, aliaj per viglecaj. Se ankaŭ tiu loĝejornamado okazas per simplaj rimedoj, restas tamen la „komprenو kaj intereso, plibeligi kian ajn vivon per iom da belo kaj vero".

La knaboj loĝantaj kune po tri ĝis sep en unu ĉambro tiun ĉi ne nur igas hejmeca, sed devas ankaŭ ordeteni ĝin: lavpurigi fenestrojn kaj plankon, balai kaj forviŝi polvon, reordigi siajn litojn k. t. p. Nur unufoje ĉiusemajne helpas lavistino. La propraj interesoj kaj reciproka helpo rezultigas tiel memstarecon kaj societemon. Vidante

[1]) Provizora instruplano por la kvar klasoj de l' „Germana Mezlernejo" en la oficiala pedag. organo „Volkserziehung" (t. e. „Popoleduko") 1921, pĝ. 133 ĝis 195).

la seriozecon kaj fervoron, la pacemon en tiu pofamilia vivado oni povas esperi nur la plej bonon pri la eston o de tiuj homidoj, ja de la tuta popolo.

Neniom da alkoholo, nikotino, politiko! Tiu devizo de senveneneco stampas la tutan atmosferon pura, natura. Sur la bazo de memvolata — ĉar komprenita kaj necesa-sentata — disciplino ili kleriĝas en tiu lando de libereco kaj kreemo.

Povus ŝajni laŭ ĉio ĝisnuna, ke oni forgesas tie sciencan ĝisfundecon. Ho, tute ne! Ĉar ĉio praktika, kio sukcesu, devas esti firme bazata sur ĝisfunda teoria ekkono. Sed tiu lasta ne sufiĉas por la vivo. Pro tio oni jam en la edukejo lernigas la diversajn fakojn aplikataj, kunigas ilin racie, kompletigante per klarigoj, diskutoj, legado. Paralelaj eksperimentoj montris, ke io vidita aŭ precipe io mem trovita restas neperdeble, dum la sama afero nur aŭdita aŭ legita baldaŭ estas forgesita. Tial la instruo okazas en pleja interligo al la naturo observante, notante; en la specialfakaj lecionoj la observoj estas eluzataj kaj la scio kompletigata.

Tiel ekzemple agrikulturaj okupoj gvidataj de inĝeniero rezultigas klarajn komprenojn pri tempo- kaj spacmezuroj, liveras spertojn por zoologio (bredado de porkoj, malgrandaj bestoj, kortbirdoj), por botaniko (arbkaj legomplantado), por fiziko kaj ĥemio (terspecoj). Sed ili ankaŭ utilas al la karaktero: La junuloj mem plibonigas la teron alveturigante sterkon, dismetante ĝin, ili fosas, faras bedojn, plantas, sarkas, akvumas, rikoltas. En la varmaj sezonoj arboj kaj arbetaĵoj liveras odorantajn bukedojn por la ĉambroj.

Ankaŭ observoj en botanika ĝardeno, ĉe varmbedo, mikroskopo, akvo- kaj terbestejo, kolektoj de konserveblaj naturobjektoj, propraj notaĵoj kaj skizoj nutras la natursciencan instruon.

Multajn aritmetikajn, geometriajn, fizikajn, desegnajn problemojn prezentas la laŭmetoda manlaborado. Komencante per ludoj, kiuj komprenigas la formelementojn, oni progresas al kartonaĵlaboroj, tranĉado de falditaj paperoj, keramika formado, gipstranĉado, stampopresado; en la kvara klaso ili jam bindas librojn, faras metallaborojn, eĉ litografaĵojn. En laborejoj oni vidas ankaŭ junajn lignaĵistojn, forĝ- kaj seruristojn. Atentege lerni, plenumi fortkonforman taskon ŝparante, plenuzante materialon, fortojn kaj tempon, agi laŭcele kaj akiri bonan guston kaj certan juĝon pri laborkvalito, tion celas ankaŭ tiu instruo. La artinstruo malkaŝas ofte surprizajn fantazikapablojn, specialajn talentojn, preferojn k. t. p., kiuj sen ĝi restus daŭraj sekretoj por la edukisto. Kompreneble ankaŭ estas ekzercataj la sentorganoj precipe la okulo, sed ankaŭ la palp- kaj artikaj sentoj plidelikatiĝas, la volo firmiĝas. Fizika kaj ĥemiinstruo. Ankaŭ en tiu ĉe la eksperimenta tablo plej efike instruas propra laboro, fakuloj estas observataj ĉe ilia laboro en la fabrikoj, fine kompletigas la fakinstruisto (d-ro inĝ.) per vortoj kaj eventuale necesaj iom komplikaj eksperimentoj. Dud k radiostacioj funkcias en la hejmo. Ke la ĝeneralaj lernrezultoj ne estas malbonaj pruvas la jarfinaj atestoj: Inter 339 studintoj en 1923/24 estis nur 7 nesukcesintaj en sia klaso, sed 67 sukcesis „kun distingo“, t. e. 20 procentoj!

Ne tro mirinde, se oni konsideras, ke ĉiuj edukistoj — ankaŭ la instruantaj diversfakuloj — estas unuarangaj pedagogoj, antaŭ ĉio: eminentaj homoj; ke ili laŭ vere kamarada spirito perfektigas sin mem per reciproka helpo, en pedagogia laborkomunumo, per reciproka vizito dum la instruado, diligenta studado k. t. p.

Ke inter tiaj homoj la junularo ekŝatas la internan valoron de homa laboro kaj ne nur ludante, sed ambicie kreas pro interna bezono, tiu karaktereduka rezulto estas precipe fierinda laborsukceso de tiuj noblaj, diligentaj, celkonsciaj kaj — oferemaj junularamikoj.

La internkulturo estas precipe akcentata: Energio, seriozeco kaj fidindeco same estas postulataj, respektive

evoluigataj kiel estas kulturataj la plej delikataj animkordoj; modele administras la junuloj mem la poŝtaferojn de la hejmo, la por ĉiuj (ankaŭ la instruistoj) komunan bibliotekon, kune kun la profesiuloj en la ĉirkaŭaj vilaĝoj ekzercas ilia fajrobrigado. — Sed ankaŭ ĝojo neniam mankas. Al komunaj libervesperoj la edukistoj kunvenigas siajn prizorgatojn en siaj loĝejoj, kie inter ludo, ŝercoj, liutludado aŭ ĉe aŭskultado de librotekstoj aŭ rakontoj forflugas la horoj. Estante filoj de l' aŭstria popolo, la knaboj festas kun la loĝantaro: Printempa festo kun diversaj antikvaj popolludoj, -dancoj kaj -muziko; sunreira festo, karnavala kaj kristnaska konigas la popoltrezorojn je moroj, uzoj, spektakloj k. s.

Ĉar en Aŭstrio la muziko ludas gravan rolon en la vivo de l' popolo, ĝi estas favore traktata ankaŭ. Eminenta musikartisto agadas tie: Hejmlandaj popolkantoj kaj instrumentmuziko sonas en la hejmo. Regulaj ĥorekzercoj okazas en posemajne 6 horoj; 41 studantoj lernas violonon ludi, 39 fortepianon, 8 fluton, 6 violonĉelon, 4 ĉaskornon, 3 trombonon, 3 trumpeton. Instruas nur unuarangaj fakistoj, inter ili ankaŭ membroj de l' mondkonata orkestro de la ŝtata operejo en Wien. Belegaj koncertoj beligas kelkan horon, ladinstrumentaj ĥoraloj kelkan solenan momenton. Majstre prezentatajn operojn kaj dramojn la junuloj povas ĝui en Wien aŭ en Baden (1 marŝhoron de la instituto), bonajn lumbildojn kaj filmojn en la instituto mem. Sed ili ankaŭ mem ludas revivigante preskaŭ forgesitajn klasikajn dramojn de la „majstrokantisto" Hans Sachs k. a. — Kelkfoje profesoro modele legas poemojn, rakontojn, dramojn; sed la lernantoj mem ankaŭ ekzercas siajn paroltalentojn en ĉiusemajnaj parolekzercoj kun sekvantaj diskutoj. Ankaŭ la religia instruo estas de pastroj traktata tute laŭ modernaj principoj interlige kun aliaj fakoj precipe la lingvaj. Kiel jam dirite, en la tria jaro komencas laŭ elekto latina aŭ franca lingvoinstruo; sed ne seka kaj neinteresa: kulturhistoriaj kaj etimologiaj konsideroj, baldaŭa klasikaĵlegado vigletenas la intereson. En ĉi sezono nia konata s-ano s-ro Steiner, kies filo studas en Traiskirchen, komencis tie instrui Esperanton. Kia ĝojo, kiom da intereso, kia miriga sukceso post kvar horoj! La plej bona pruvo por la edukista antaŭvidkapablo de l' sinjor' direktoro d-ro Adolf Watzke estas tiu instrupermeso, la unua simila en Aŭstrio, pro kiu ni dankas lin jen antaŭ tutmond'!

Tiuj homoj certe ne estos lernintaj nian lingvon nur por esti lernintaj lingvon pluan. Homoj, kies korpo hardita estas per ĉiutaga gimnastikado, nudirado, sporto, banado, kies sana stato malgraŭ simpla (sed bona), manĝaĵo estas nepriplendebla; ili en la freŝa atmosfero de tiu modela edukejo elkreskis el nia hejma fundo, kompreneme taksos alilandajn verkojn kaj spite ĉiu mizero nuntempa envicigos sin en la tuthomaron, taŭgaj membroj.

Ni salutas ilin et tuta koro: Antaŭen al sana vivpraktiko en la rondo de ĉiuj popoloj!

**Samideanoj! Helpu nian enlernejan movadon: Skribu al la institutestro dir. d-ro Adolf Watzke, Bundes-Erziehungsanstalt in Traiskirchen bei Baden (Niederösterreich), por ke li povu advokati nian aferon intense ĉe la lernejestraroj; interrilatigu vin kun la studantoj, ekŝanĝu kun ili naturobjektojn, lernantlaboraĵojn, leterojn! Postulu detalojn, instruistoj, pri la instituto; viajn lernantojn korespondigu. Gepatroj! Se vi volas, ke viaj idoj ekkonu german-aŭstrian kulturon, enhejmigu ilin ĉe ni por kelkaj studjaroj en tiu modela instituto, kies valoro estas rekonita de alilandaj aŭtoritataj pedagogoj. Propagandistoj, traduku kaj publikigu ĉi artikolon; sendu al ni adresojn de viaj lernejestraroj, de institutoj k. t. p. Ni subtenu nin reciproke!**



haveblaj estos post mallonga tempo la unuaj kajeroj de nia ĵurnalo! Tial tuj abonu ĝin!

**Laŭdata** estu, kiu konigas al ni adresojn de institutoj, lernejoj, firmoj, korporacioj k. s. de sia regiono, kiuj estu interesigotaj por Esperanto.

# Aŭstruja Esperanto-Delegitaro

## A. E. D.-kunsido en Graz.

Ni treege ĝojas, ke ni trovis fine en la lasta numero de „A. E." la oficialan inviton de A. E. D.-direktantaro por la kunsido 7. decembro 1924 en Graz. Ni prizorgos kunsidejon por la 7. decembro.

Vespere ni aranĝos Zamenhof-feston, al kiu ni jam nun tutkore invitas. Anoncu vian partoprenon al suba adreso pro eventuala prizorgo de loĝejo.

Denove korege invitante ni esperas multnombran partoprenon kaj sukcesplenan laboron de A. E. D.

Esperanto-Societo por Stirio
Graz, Schönaugasse 6/II.

**La „Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien"** malfermis solene la 7. novembro sian novan belegan hejmon I., Weihburggasse 12 (Kasino). Kunveno ĉiun vendredon je la 19a horo.

**En Esperanto-Societo „Junularo"**, III., Radetzkystrasse 23 (Kafejo „Molkereihof"), okazos parolado de s-ro Lempart el Riga 13. novembro, prelegoj de s-roj Weingast 20. novembro, Braun 27. novembro, s-ino Koznia 4. decembro.

**Ne ektremu!** Novaj abonantoj pagos por 1925: Aŭstrianoj kaj Germanoj 30.000 aŭ. K, Alilandanoj 3.50 sv. fr. Atentu la plivaloriĝon de la lastaj numeroj!

# Esperanto-Delegitaro de Wien

Wien XXI, Am Spitz 14.

## Gesamideanoj!

La brilegaj suntagoj de la XVIa en Wien estas pasintaj. Sed la nubaro kolektiĝinta timige en tiuj tagoj jam, granda deficito de nia festo, senesperige malheligas la horizonton de l' estonto por nia tuta movado plua.

Ni penis ĉiuforte, ni ŝvitis efektive, ni sangis. Nun ni staras antaŭ belega sukceso alpublika — ne povante plenuzi ĝin, ĉar la vundoj senfortigis niajn plej fervorajn pionirojn en Wien.

Helpu, sam-ide-anoj, kie la fortoj de kelkaj ne plu sufiĉas! Eĉ gutoj malgrandaj, multnombraj nin savos.

Monsendojn bonvolu direkti al L. K. K. por la XVIa, Wien VI, Mollardgasse 55/II.

Por Esperanto-Delegitaro de Wien:
Walter Smital,
afergvidanto.

**Pri la A. E. D.-kunsido en Graz** raportis la sekretario de A. E. D. s-ro Franz J. Schade en la lasta kunsido de Esperanto-Delegitaro de Wien, ke al ĉiuj societoj en Aŭstrio estos forsendataj invitoj. Bonvolu ĉiuj sendi proponojn al la sekretariejo Wien VI, Mollardgasse 55/II.

**Laŭ decido en la kunsido 8. novembro 1924** ni komunikas por la intereso de l' Esperantomovado:

Alfred Siebenschein, loĝanta nuntempe: Wien IX, Liechtensteinstrasse 157, II/29, aŭ Wien IX, Heiligenstädterstrasse 10; pluaj adresoj uzataj de Siebenschein: „Esperanto", Wien 66, Postfach 68; „Esperanto", „Laborista Grupo" Wien 66, „Viena Esperanto-Centrejo".

La supre citita Alfred Siebenschein jam de antaŭmilita tempo kompromitas la Esperantomovadon. Li estis ekzemple el tri Esperantosocietoj de Wien eksigita siatempe. En la jaro 1921a Siebenschein sendis amase al gesamideanoj en landoj kun bona valuto almozleterojn petante pri alsendo de 50 ĉeĥoslovakaj kronoj, 50 svedaj kronoj, 40 svisaj frankoj k. t. p. Ni havas leterojn de gesamideanoj, laŭ kiuj li solene promesis iom post ioman repagon, sed ne faris tion kaj eĉ ne atestis la ricevon de la mono nek dankis pro ĝi. Siebenschein ankaŭ nuntempe daŭrigas fiagi kaj ni kolektas pruvmaterialon kontraŭ li, kiu estos montrita al la rondoj, en kiuj li nuntempe fantomumas,

por malebligi al li pluan subfosadon kaj kompromiton de nia afero. La gesamideanoj en la tuta mondo, kiuj estis malutiligitaj de Siebenschein aŭ kiuj posedas pruvmaterialon kontraŭ li, ekzemple almozleterojn de li, poŝtkvitancon pri forsendita al Siebenschein mono, gazetojn, en kiuj aperis almozanoncoj de li k. t. p., bonvolu sendi tiujn pruvaĵojn al la adreso Alfred Klein, Wien II, Pazmanitengasse 10/20. Ankaŭ kie tiaj pruvaĵoj ne plu ekzistas, oni almenaŭ sendu detalan esperantlingvan raporton pri la malbonaj pri Siebenschein faritaj spertoj. La gesamideanoj estu konvinkitaj, ke ni ne agas laŭ persona vidpunkto, sed ni nur volas malebligi, ke nia afero plue suferu pro la fiagado de Siebenschein.

Dankon antaŭe pro afabla klopodo kaj samideanan saluton!

Por Esperanto-Delegitaro de Wien:
Emil Schade, sekretario. W. Smital, afergvidanto.

# Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista

Centro: Bisamberg n-ro 248 apud Wien.

## CENTJARA EVOLUO DE LA „AŬSTRIAJ FERVOJOJ“

1824—1924.

La urbo Linz havas specialan historian gravecon en la evoluo de la fervojaferaro en Aŭstrio, ĉar la unua relvojo destinata al la publika interrilato ne nur en Aŭstrio, sed eĉ sur la eŭropa kontinento estis konstruata inter Linz kaj Budweis.

La 7a septembro 1824 estas la dato de „Privilegia dokumento por la profesoro Franz Anton Ritter v. Gerstner je instalo de »ligno- kaj fer«-vojo inter Moldaŭ kaj Donaŭ“, donita de imperiestro Franz Ia. Oni komencis la konstruon per linio inter Mauthausen kaj Budweis, kiu estis plukonstruata ĝis Linz (Urfahr) kaj la 21an julio 1832 solene malfermata. Tiu ĉi fervojo ĉefe servis al transporto de ŝarĝoj speciale de salo kaj la ekspedo de vojaĝantoj okazis ankoraŭ en veturiloj, kiuj preskaŭ modele estis faritaj laŭ la pratempaj poŝtkaleŝoj kaj jungataj ankoraŭ per ĉevaloj. Sed tiuj ĉi veturiloj jam ruliĝis sur fandferaj fiŝventroreloj (tiel nomataj pro ilia fasono, kiu similis fiŝventron), kiuj estis fiksataj sur ŝtonkubaj fundamentoj.

De Linz al Budweis la veturado daŭris per „persontrajno“ (125 km) 14, de Linz al Gmunden (65 km) $6^1/_2$ horojn. Dum somero ĉiutage la trajno forveturis de Linz al Budweis je la 5a matene kaj samtempe de Budweis al Linz. En la mezo de la vojo, en la stacio Kerschbaum sur la akvodisiga linio, renkontiĝis tagmeze la el ambaŭ direktoj venantaj trajnoj kaj tie ĉi regule la vojaĝantoj are tagmanĝis. Ili devis pagi po persono por la tagmanĝo kun botelo da biero la sumon de 30 krejceroj (valoris tiam proksimume 60 centimes).

La komenco de aŭstria fervoja vojaĝinterkomuniko do estis ne disciplina. Tion montras ankaŭ la tiamaj horaroj, sur kiuj estis notataj la alven- kaj forveturhoroj nur laŭ kvaronhoroj, kiujn ankaŭ oni ne akuratis.

En 1836 estis aligante finkonstruata la ĉevaltramo Linz—Gmunden, sur kiu la 31. junio 1854 veturis la unua trajno kun vaporlokomotivo. Solene oni salutis tiun ĉi trajnon en ĉiuj stacioj de la linio.

Vico da tiamaj bildoj montras la planon kaj la funkciadon de tiu interesa linio.

Jam pli frue la sukceso, kiun la „patro de fervojoj“ Georg Stephanson estis akirinta per la unua de li konstruita lokomotivo en Anglujo okaze de la vetveturado en Rainhill, la 7an oktobron 1829, ankaŭ en Aŭstrio estis instiginta la privatan kapitalon je konstruo de fervojoj funkciigataj per vaporo.

La unua lokomotivfervojo „Kaiser Ferdinands-Nordbahn“ de Floridsdorf al Wagram estis inaŭgurata 17a no-

vembro 1837 kaj de Wien al Floridsdorf nur 6. januaro 1838 pro ne ĝustatempa finigo de la granda ponto trans Donaŭ, la daŭrigo ĝis Brünn 7. julio 1839.

En la du sekvantaj jaroj la fervojoj de Wien al Raab kaj Gloggnitz estis finkonstruataj.

Poste la linioj komencitaj ĝis tiam kun privataj kapitaloj estis plukonstruataj de la ŝtato kaj la 23. februaro 1842 speciala „Ĝeneraldirekcio de ŝtatfervojoj“ estis kreata.

Ĝenerale sensaciiga estis tiam la konstruo de la fervojlinio inter Gloggnitz kaj Mürzzuschlag trans la montpasejo Semmering, kiu estis malfermata la 17. julio 1854. Carl Ritter von Ghega estis la plenuminto de tiu ĉi grandioza faro, la unua transmontarfervojo.

Rilate al la evoluo de l' aŭstria fervojaro la transdono de iamaj ŝtatfervojoj al akciaj societoj fine de 1884 pro ŝtatfinancaj konsideroj estis grava, ĉar pro tio la privata fervojkonstruado reekfloris.

Alilandaj kapitalistoj favoris tiujn laborojn kaj vico da entreprenoj ekestis, kiuj parte alproprigis al si la ekzistantajn ŝtatfervojliniojn kaj finkonstruis ilin, parte ankaŭ konstruigis serion da novaj fervojlinioj, ekzemple la fervojaroj de „Österreichischen Staatseisenbahngesellschaft“, „Südbahn“ kaj „Kaiserin Elisabeth-Bahn“, kies partlinio Wien—Linz estis inaŭgurata la 15an decembro 1858.

Plej prosperis la privata fervojkonstruado post la militjaro 1866.

Ekestis tiam „Kaiser Franz Josefs-Bahn“, „Kronprinz Rudolfs-Bahn“ kaj la grandparte sur aŭstria teritorio troviĝanta kompletiga fervojaro de „Österreichische Staatseisenbahngesellschaft“.

**Al la daŭrigo en la venonta numero ni aldonos sur aparta artprespapero ilustraĵojn, kies kliŝojn disponigis afable la fervojministerio kaj la Urbo Wien.**

## Aŭtomataj kuplaĵoj kaj sendanĝereco por fervojlaboristoj.

Laŭ rezolucio de la Kvina Kunsido de la Internacia Laboro Konferenco, kunsido okazinta en Genève en 1923, la Internacia Labora Oficejo faris preparan studon pri aŭtomataj kuplaĵoj ĉe fervojoj, precipe laŭ la vidpunkto de la sendanĝereco de fervojlaboristoj.

La ĉefaj celoj de la studo estis: konstati ĉu okazis malpliiĝo de akcidentoj kaŭzitaj de kuplado kaj malkuplado en landoj, kie aŭtomataj kuplaĵoj estas enkondukitaj, kaj difini la amplekson de la risko de akcidentoj en la landoj, kiuj ne jam akceptis la sistemon.

La rezultoj de la studo estis ĵus eldonataj en statistika raporto bazita sur sciigoj rilataj al dekkvin landoj kaj ĝenerale al periodo de dek jaroj.

La raporto komencas per antaŭparolo, rezumanta la devenojn de la plibonigo, la diskutojn, kiujn ĝi kaŭzis, kaj la ĝeneralajn informojn kolektitajn pri la problemo, laŭ la vidpunkto de sendanĝereco.

Sekvas unua ĉapitro pritraktanta la metodojn por starigi statistikojn, la kriteriojn por komparado, la procentojn de akcidentoj rezultaj el kuplado kaj malkuplado k. t. p. En la sekvantaj ĉapitroj oni ekzamenas la statistikojn rilatajn al landoj, kie la veturilaro estas provizita per aŭtomataj kuplaĵoj kiel Usono kaj Kanado, kaj ankaŭ la ciferojn rilatajn al landoj, kie tiu sistemo ne ekzistas, tio estas la eŭropaj landoj kaj Hindujo.

La lasta parto de la raporto montras la diferencojn laŭ la vidpunkto de profesia risko, inter la fervojlaboristoj okupataj per kuplado kaj la ceteraj fervojlaboristoj kaj la laboristoj okupataj en aliaj industrioj.

La konkludo de la raporto estas, ke la aŭtomataj kuplaĵoj, kie ili estas enkondukitaj, estas tre profitaj al la fervojlaboristoj. La grava modifo, kiu fariĝis de la usonaj fervojoj, rezultigis pliboniĝon takseblan je 70 aŭ 80 procentoj pri mortigaj kaj 80 aŭ 90 procentoj pri nemortigaj akcidentoj kaŭzitaj de kuplado kaj malkuplado.

**(Laŭ Informservo de la Internacia Labora Oficejo.)**

*Georg Habellok*, **Breslau.**

Reprezentanto por Italio s-ano Rose en Trieste raportas, ke de li pri fondo de T.E.L.F. estis informataj: la Prezidanto de Konsilantaro L. M. Benito Mussolini, la Ministrejo por trafikaferoj en Romo, la Fervojista Ĉefdirekcio en Romo, la Fervojista Direkcio en Trieste, la Itala Esperantista Federacio en Bari, la Itala Esperanta Revuo en S. Vito, la Esperanta Rondo kaj la lokaj italaj gazetoj en Trieste.

Plue, ke la estro de la Triest-a fervojdirekcio s-ro Gigli eldonis tuj tre favoran cirkuleron al ĉiuj oficejoj je propagando inter la fervojistaro.

*

S-ano Ramolfo, sekretario de la „Associazione Nazionale Ferrovieri Esperantisti" (A. N. F. E.), t. e. Itala Fervojista Asocio, kies grupoj estas en Romo, Torino, Voghera, Mantova, Trieste, Udine, Verona, Gorizia, Bari, Cagliari, sciigas nin, ke A. N. F. E. en la venonta oficiala sciigo informos siajn grupojn pri T.E.L.F. kaj proponos aliĝon al ĝi.

*

La T.E.L.F.-anoj ricevas — pogrupe, respektive aparte — kun tiu ĉi ĵurnalnumero hektografitan aldonon, kiu enhavas detalajn respondon kaj klarigojn pri la ataka artikolo en „Fervojisto" n-ro 1, IIa jarkol.

# Universala Esperantista Pacifista Ligo

Centro: Wien I, Hofburg (Aŭstrio).

En la organo „Politische Briefe des Bundes für Menschheitsinteressen und des Internationalen Verbandes für Selbstabrüstung", t. e. „Politikaj leteroj de Ligo por Homarinteresoj kaj de Internacia Asocio por Memsenarmiĝo", n-ro 33/34, 1. oktobro 1924, pĝ. 4—6, la organizanto de „Sepjara porpaca agado tutmonda", s-ro Gustave Spiller, Genève, aperigas artikolon pri sia programo. Ĉar U.E.P.L. decidis en aŭgusto, ankaŭ labori laŭ ĝi, ni publikigas la artikolon Esperantigitan de nia vicprezidanto Walter Smital, Wien. Bonvolu ĉiu leginto varbi por tiu movado!

MONDMILITON AŬ PORPACAN AGADON TUTMONDAN?

Konsiderante la plenan internaciecon de la pacproblemo oni povus, se la klopodoj por efektivigo de vera daŭra mondpaco estus ne partoprenataj de du aŭ tri nacioj, provi tiun efektivigon nur per apliko de metodoj, kiuj same povus kaŭzi mondmiliton kiel mondpacon. Tial estas memkompreneble, ke ĉi tasta povos esti atingata nek poparte nek per kontraktoj inter kelkopaj landgrupoj. Por tia efektiviga provo, kiu ne dekomence estu malgrava, devus ĉiuj landoj kunigi sin. Per aliaj vortoj: ĉiu porpaca movado, kiu estu internacie efika, devos esti perfekte internacie organizita kaj havanta precize komunan unuecan programon. Sen tiu kondiĉo malgraŭ plej bona volo kaj plej grandaj penoj malsukceso restos neevitebla. Se ekzistas dek diversaj movadoj porpacaj kun dek diversaj programoj, ne estas ebla ĝenerala efika atako kontraŭ la milito, nek ĝenerala efika solvo de la pacproblemo; sed kuraĝigus tia dissplitiĝo tiujn registarojn, por kiuj mondpaco estus malagrabla.

Se la ekzistantaj multaj movadoj porpacaj serioze volas pacon tutmondan, ili nepre devos kunigi sin al universala mondligo kun tutampleksa programo. Ĉiuj praktikaj agoj de tiu ligo devos ekskluzive kaj celkonscie celi la forigon de militemo kaj militinstitucioj antaŭ denova mondmilito, t. e. antaŭ kiam estas tro malfrue.

Sen forigo de l' nuna diseco malmulto aŭ neniom estas atingebla. Nur kompakta agado tutmonda povos efiki pacon tutmondan. Sed eĉ la kreo de komuna kaj universala ligo tutmonda nehelpus, dum oni laboras plu per la kutimaj rimedoj. Ni devas ĉesi, konsideri sufiĉa la nur akademiecan vekadon de la publika opinio kaj nur fidi al asocioj, kiuj faras nur teoriajn decidojn, respektive nur planojn. Ni devas komenci, atingi la mondon per la amasoj de la politike-voĉdonrajtigitoj, respektive per la premo, kiun tiuj povas funkciigi ĉie, por instigi la politikan maŝinaron ĉiulandan, ke ĝi anstataŭ la nunan militreĝimon per firma pacreĝimo, la regadon de milito kaj malvarmkora flankestarado per regado leĝeca kaj de kora, korkuraĝa kunelaborado. La pacproblemo ja estas precipe politika problemo!

Tial nia „Sepjara agado tutmonda por forigo de milito" alvokas siajn anojn:

„Instigu la politike influpovajn aŭ potencajn personojn en via ĉirkaŭo, aprobi nian programon kaj aktive akceli ĝin. Precipe vi uzu viajn reprezentantojn en ambaŭ ĉam-

bregoj de la parlamentoj, viajn kandidatojn, vian politikan partion, viajn politikajn oratorojn, vian elektantaron, viajn gazetojn kaj jurnalojn, viajn predikistojn, prelegantojn, instruistojn kaj honorpersonojn kaj ĉiun organizon, eklezion aŭ publikan estraron, kies ano vi estas. Fondu lokan agadasocion de la voĉdonrajtigitoj kaj de l' gazetlegantoj!"

La tuto de tiaj lokaj asocioj gardu nin je denova mondmilito.

„Bele kaj bone!" oni kontraŭdiros al mi. „Sed kiel ni atingu la milioncentojn da elektantoj kaj gazetlegantoj vivantaj sur la tero?" Nu do, persuadante ĉiajn organizojn lokajn, naciajn aŭ internaciajn (precipe ankaŭ la religiajn), ke ili aktive subtenu nian agadon. Pro la sama grava kaŭzo la agado estu komencata kaj gvidata de mondkomitato, kies anoj devus esti unuavice internaciaj organizoj.

Krome tria punkto estas atentinda. Ĉar la danĝero de rea mondmilito ne neekzistas, la daŭro de nia agado devas esti iom limigata. Fiksita dato nin devigas, pli rapide akceli nian idealon. Ĝi instigas al energiaj penadoj kaj evitas ankaŭ la senfinajn komplikaĵojn interligitajn kun la oftaj politikaj ŝanĝiĝoj. Nia propono celas kontraŭmilitan agadon daŭrantan maksimume 7 jarojn

Ni imagas la aferon jene: Post proksimume dujara agitado povus komenci agado de l' registaroj ankaŭ proksimume dujara kaj poste Ligo de Nacioj okazigus du apartajn kunsidojn celantajn la ellaboradon de la necesaj mondkontraktoj kaj de pliboniĝoj de la Liga statuto necesaj por plene atingi la esencajn celojn de Ligo de Nacioj, nome la akcelon de internacia kunelaboro kaj la certigon de paco kaj asekureco surtera.

La neforlaseblaj fundamentaj aliĝoj en la statuto de Ligo de Nacioj estas resumeblaj jene:

a) Solena bone argumentota enkonduko devus deklari, ke venis la tempo por anatemi la militon kaj rezigni je ĝi.
b) Aro da paragrafoj („artikoloj") resumu la esencon de vico da universale validaj kontraktoj. Tiuj kontraktoj devus

1. komplete elmondigi la laŭleĝajn ĉefkaŭzojn de seriozaj konfliktoj kaj primilitaj timoj (problemojn pro malplimultoj, diversnacieco, limoj, trogranda loĝantaro, komerco kaj aliajn simildelikatajn),

2. speciale deklari barbara, kontraŭkonstitucia kaj perfida la ekkapton de armiloj por solvo de interŝtataj konfliktoj aŭ por atingi ekonomiajn aŭ aliajn avantaĝojn,

3. pliampleksigi la rajtojn de la arbitracia tribunalo en Haag kaj de Ligo de Nacioj tiom, ke ili ĉiaokaze, kiam temas pri solvo de konflikto, povus interveni laŭnecese aŭtoritate,

4. enhavi la paragrafon, ke ĉiuj institucioj kaj ordonoj interligitaj kun la militaferoj estas forigataj en ĉiuj landoj samtempe kaj ke laŭ tio la ministerioj por eksteraj aferoj kaj la lerneja instruado estu bazataj sur konforme aliĝota fundamento,

5. enkonduki en ĉiu lando ampleksan kontrolon de la ekstera politiko (eble komune per reprezentantoj de parlamento, laborentreprenistoj, laboristoj kaj virinorganizoj),

6. zorgi, ke la Ligo de Nacioj ĉiujare kunsidu almenaŭ dum du monatoj, en kiu tempo ĝi minimume ses semajnojn sin okupu akcelante la internacian kunelaboron kaj antaŭgardante, respektive forigante interŝtatajn malfacilaĵojn, kiom necese kaj eble.

Ni vidas, ke la sepjara mondagado klare celas, forigi la militon, antaŭ kiam mondmilito denova povos nin forigi. Ni ankaŭ vidas, ke nur Ligo de Nacioj povos la premon de elektant- kaj gazetlegantasocioj transformi fine en farojn. Se tia agado, kia estas la menciata, ne povas certigi la mondpacon, per kia rimedo alia ĝi estus atingebla? Per aranea reto oni ne povas kapti tigron, per etenditaj brakoj ne haltigi lavangon; same ne estas atingebla daŭra paco, kiam oni ankoraŭ kontentiĝas je disaj movadoj kaj klopodoj. Se hodiaŭ tiu, morgaŭ alia societo ekpaŝas kun la vana atendo, ke hodiaŭ pasanta ondo de indigno kaj morgaŭ sprita instigo sufiĉos por reprudentigi frenezan mondon, tio estas stulta. Estas naive esperi, ke oni povus venki la miloble enradikiĝintan militismon alimaniere ol per bone pripensita universala kunelaboro plej energia.

Dubi pri la eblo kaj la sukceso de tia agado signifus, nevalora taksi la kapablon de l' homa spirito. Kie estas volo, tie ankaŭ vojo! Baraĵoj kaj malfacilaĵoj certe ne mankos; sed ili estos forigeblaj, se ĉiuj sin kuniĝos, kiujn interesas la konservo de nia kulturo. Eku do seninterrompan, ofereman, malegoistan, komunan laboron por la alta celo, „inda je la ŝvit' de l' plej nobluloj"!

Kiu sam opinias, ke rea mondmilito devas esti malebligata je ĉiu prezo, sin turnu al la sube nomito postulante detalajn informojn kaj samtempe sendu al li jenajn liniojn en la lingvo: „Registru min aktiva servant(in)o ĝis fino de 1931. (Klara subskribo, preciza adreso.)"

Gustave Spiller,
113 rue de Lausanne, Genève (Svisujo).

Postskribo de la redakcio: La 9an de septembro 1924 la plenkunsido (okazinta en Genève) de la „Ligo de Asocioj Tutmondaj" (Sidejo: Bruxelles) akceptis jenan decidproponon, antaŭmetitan de la fondkomitato por „Sepjara porpaca agado tutmonda":

„Ni decidas, konsenti la programon de la agado tutmonda por forigo de

milito. Ni ankaŭ volas urĝe rekomendi al la asocioj ligitaj al ni, ke ili, se minimume 30 inter ili sekvas nian instigon, sendu reprezentantojn al aparta kunveno, kies tasko estos, fiksi la planon por la agado kaj elekti mondkomitaton por ĝi."

## TRIOPE.

Iam el la ĉielaj regionoj, kie loĝas la superaj estaĵoj, venis teren du noblaj spiritoj, por helpi kaj servi al la mortemuloj.

Estis du fervoraj junuloj kun altaj celoj, ili venis kun energio, saĝo kaj entuziasmo. Jen iliaj nomoj: Pacifismo kaj Esperantismo.

Ili deziris renkonti pli aĝan fraton, al kiu ili volis prezenti sian servadon. Lia nomo estis: Patriotismo.

Tiu ĉi noblulo estis ŝatata en la tuta mondo. Ĉiu popolo lin amis kaj adoris, li estis kvazaŭ ĉies sanktulo. Respekte kaj modeste la du novalvenintoj lin salutis. Sed Patriotismo ilin malafable akceptis. Al Pacifismo li diris: „Junulo, vi elektis erarigan vojon. Via ideo estas fantaziaĵo, revo, frenezaĵo. Ĝi estas kontraŭ la homa naturo, kontraŭ la normala evoluo de ŝtatoj kaj popoloj. Nur timemuloj kaj malkuraĝuloj propagandas eternan pacon, estas virinaĉa malspritaĵo."

Al Esperantismo li diris: „Kian nenecesan penadon vi volas altrudi al la homoj! Ekzistas sufiĉe da lingvoj, ili ne bezonas novan. Facile oni povas traduki kaj interkompreniĝi, la komerca kaj politika vivo tion pruvas. Ĉiu popolo kulturu sian lingvon, eĉ la dialektojn oni konservadu. En la lingvo vivas la animo kaj la historio de popolo. Iru for kun via malsaĝa ideo!"

La du helpemaj spiritoj tamen persiste klopodis pri siaj celoj, sed sen grandaj rezultatoj. Kaŝe unu premis la manon de l' alia, publike ili sin ne montris kune.

Sed jen granda katastrofo okazis, mondmilito eksplodis. Sekve de ĝi mizero kaj mal eliĉego regis sur tero, malĝojo kaj funebro estis en ĉiu lando. Patriotismo ne povis malhelpi ĉi tion. Kun klinita kapo la iam adorata heroo staris inter ruinoj, Feliĉo, Prospero kaj Bonfarto malĝojis kune kun li. Nun denove Pacifismo kaj Esperantismo sindone kaj serveme alvenis, ĉi tiun fojon ili ne estis repuŝataj.

„Mi estas konvinkita," Patriotismo diris, „mi danke akceptas vian helpon, triope ni laboru por la beno de la homaro." *Marie Hankel,* Dresden.



Vidu la alvokon sur pĝ. 37 kaj anoncon sur pĝ. 47!

# Komunumaj oficistoj!

Interrilatigu vin tuj al la novefondita „Esperanto-Organizo de la Postenhavantoj de Urbo Wien" per suba adreso. Helpu praktike interligi spirite la urbojn de l' mondo. Vi utilos al via lando kaj al la homaro per Esperanto. Konigu al ni adresojn de viaj ĉefaj funkciuloj. Abonu nian oficialan organon „Aŭstria Esperantisto"!

Kore salutas vin trans la landlimojn:
La laborkomitato.

Adreso:
Esperanto-Organizo de la Postenhavantoj de Urbo Wien", Wien I, Rathausstrasse 9, 1. Stiege, Mezzanin (Aŭstrio)

# Pacifistoj tutmondaj!

Ne forgesu nian Universalan Esperantistan Pacifistan Ligon! Diskonigu ĝin, varbu por ĝi. Sendu adresojn de pacifistaj organizoj vialandaj al la suba adreso. Subtenu en la oficistaj rondoj viaurbaj la laboron de la „E. O. P. W.“ (vidu p. 37 kaj 47), ĉar nur reciproka subteno plifaciligos ankaŭ nian laboron. Kiam ĉie la urbaj oficistoj lernos Esperanton, ili certe instigos la pacifistajn rondojn de sia urbo al nia movado. Nepre abonu nian oficialan organon „Aŭstria Esperantisto“. Laboru per ĉiuj fortoj por la paco, la plejvaloraĵo de la homaro!

La ligestraro.

Adreso:

Centro de Univ. Esp. Pacif. Ligo, Wien I, Hofburg, Michaelerstiege, Mezzanin 4 (Aŭstrio).

Eldonanto: Esperanto Unuiĝo en Korneuburg (Redaktoro: Hugo Steiner, Korneuburg, Hovengasse 12). — Presejo: Gstaltner & Co., G. m. b. H., Korneuburg, Kirchengasse 3.